Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Julio 2000
ISSN 1163.0442

*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*

71-a jaro, n-ro 7 (1141)
MENSUEL/MONATA



# Bonan kongreson en



# MOSKVO !




**Por forta SAT kaj laborista esperanto-movado !**

**SAT SUR TTT :http://www.multimania.com/satesperanto**

**SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI**

## EL LA REDAKTEJO....

*Karaj gekamaradoj,*

*jen la lasta numero de Sennaciulo antaŭ la kongreso en Moskvo kaj antaŭ la someraj ferioj. Bedaŭrinde, ĉiuj miaj klopodoj instigi vin partopreni nian kongreson estis vanaj. Mi estas tre malĝoja pro tio kaj demandas min, ĉu iu legas tiun ĉi rubrikon. Eble tio estas perdita tempo kaj perdita spaco.*

*Nu mi volas tamen informi la legantojn ke ekde januaro 2000 ni denove ekspedas Sennaciulon al niaj Jugoslaviaj membroj. Neniu sendita gazeto revenis, sed ankaŭ neniu en Jugoslavio (Serbio) ricevis ĝin. Do, kion fari? Verŝajne la Jugoslavaj instancoj ne deziras ke eksterlandaj gazetoj estu legataj. Ankaŭ la leteraj rilatoj malbone funkcias. Kelkaj leteroj atingas la celon la aliaj ne. Ni esperu ke baldaŭ la situacio pliboniĝos. Se vi havas personajn kontaktojn kun membroj en Serbio, bonvolu en privata letero informi ilin pri tiu ĉi situacio, ĉar ili ne povos legi tiun ĉi komunikon. Dankon. Bonan someron!*

*Via*

*Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesper@cybercable.fr. sat@esperanto.nu
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - Y. Peyraut, P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.

*

Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Yves PEYRAUT
Abonnement annuel/jara abono, France: 336 FRF aŭ 51,70 €
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.

**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

## KAEST 2000

Ĉeĥa Esperanto-Asocio kore invitas vin al:
KOLOKVO APLIKOJ DE ESPERANTO EN SCIENCO KAJ TEKNIKO
okazonta en Prago (CZ), 2000-11-10/12, sub aŭspicio de U.E.A.

La kolokvo estas kontribuo de ĈEA al la agado 2000

Pritraktataj temoj:
Sekcio A : Ekonomio sojle de la tria jarmilo
Sekcio B : Terminologiaj problemoj de fakaj aplikoj de Esperanto
Sekcio C : Aplikoj de Esperanto en scienco kaj tekniko (ĝenerale)

Organizan flankon garantias:
KAVA-PECH - Dobrichovice (Prago)
profesia kongresa agentejo kun spertoj organizi fakajn internaciajn eventojn
Anglicka 878, CZ-25229 Dobrichovice
Tel.: +420.2.9912201, fakso: +420.2.9912126
rete: kaest@kava-pech.cz

Kolokvejo: Teknika Universitato Prago, konvene lokita en la urbocentro. Adreso: Karlovo namesti 13, Praha 1, metroostacio Karlovo namesti (Karola placo), linio B (flava), elirdirekto Karlovo namesti (ne Palackeho namesti).

Partoprenkotizoj en eŭroj (sen restadkostoj)

| Landa kategorio laŭ UEA | ĝis 2000-07-31 | | ĝis 2000-09-30 | | poste | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | A | B | A | B | A | B |
| | 30 € | 15 € | 36 € | 18 € | 40 € | 20 € |

Pageblecoj:
- ❒ Per SWIFT al la konto 2734847402227/0100 (KAVA-PECH) en Prago
- ❒ al la konto KAPE-P ĉe UEA
- ❒ al la konto **s-kape** ĉe SAT en Parizo
- ❒ per Eŭroĉeko aldonante 1%, minimume € 10 por bankelspezoj

Pri pli detalaj informoj bonvolu turni vin rekte al KAVA-PECH aŭ en la reto: http:// www.kawa-pech.cz/kaest/

## KOMENTETO

En unu el la lastaj numeroj de la revuo «MONATO», W. AULD skribas, i.a. pri la malfacilaĵoj de la Esperanto-movado. Ni citas:

*«Aliflanke, oni perdis la laboristan medion, ankaŭ, ĉar en la evoluintaj landoj simple malaperis la laborista klaso, kia ĝi iam estis. Kaj la restintaj laboristoj ne pensas nun internacie.»*

Ni estas «certaj» ke W. AULD, kiel ĉiuj SAT-membroj (kaj espereble kiel ĉiuj esperantistoj) ŝatus ke la Esperanto-movado regajnu la laboristan medion.

Por ke tio okazu, la unua ŝtupo estas, ke la eksaj SAT-anoj reaktivu kaj rekotizu. Kial ne ankaŭ William AULD?

**- Nia nova rubriko -**




Redaktoro : Gerardo Rollin; 88 str. Victor Hugo; FR-37 400-AMBOISE <a.reto@france-association.com>

*El la gazeto «Montejo» eldonita de la Nepala Esperanto-Asocio kaj redaktita de Dipendra Kumar Piya mi ŝtelis tiun ĉi interesegan artikolon. Se oni interesiĝas pri tiu tre bonkvalita gazeteto, kiu eldoniĝas kvarfoje en jaro ekde 1994, oni povas sin turni al:*
*Montejo, P.O.Box 6304, Kathmandu, Nepalo.*

Ĉu oni povas imagi ke vidvino volus mortigi sin sur la ŝtiparo de sia edzo? Tio ne estis malofta, sed parto de la ĉiutago ĝis antaŭ 65 jaroj en Nepalo. De antikva tempo, estis kutimo, laŭ hinda religio, ke se iu viro mortis, lia edzino kune finis sian vivon per sankta sinbruligado, tiel nomata «sati». Dum la evoluo de homa civilizacio, virinoj estis ĉiam subpremataj el socia, ekonomia, religia kaj politika vidpunktoj. Ankaŭ en aziaj landoj, virinoj ofte vivas kompatindan vivon. Sati estas nur unu el multaj ruzaj teknikoj kiujn viroj elpensis por ensemi en virinojn la ideon ke ili ne havas vivon krom tiu allasita de viroj. Estas multaj similaj kutimoj en la mondo, sed eble ĝi estas la plej kruela.

Laŭ la kutimo, oni ne permesas al la vidvino eĉ plori post la morto de sia edzo. Ŝi devas resti kvieta kaj mediti, por ke ŝia mortinta edzo akiru luksan lokon en paradizo. Kiam viroj aranĝas la ŝtiparon por la kremacio, virinoj beligas la vidvinon kiel novan edzinon, per banado, kombado, ŝmirado, vestado ktp. Poste, pastroj faras specialan adoradon de la vidvino kvazaŭ ŝi estus diino. Aliaj faras kvazaŭ ili malhelpus ŝin por ke ŝi ne plenumu sati. Ŝi devas siaparte diri ke la prospero de ŝia edzo pli valoras ol ŝia vivo, kaj estas do ŝia devo ke ŝi oferu sian senvaloran vivon por li. Oni preparas la funebran ŝtiparon apud rivero, kaj la plej aĝa filo de la mortinto ekbruligas ĝin. Tiam la vidvino devas iri al la brulanta ŝtiparo, ĉirkaŭiri ĝin trifoje, saluti ĝin kaj fine grimpi sur ĝin sen verŝi larmojn kaj sidi trankvile ĝis ŝia ekzisto estingiĝas. La inteligentuloj, speciale bramanoj, ĉiam havis logikajn kialojn por la kutimo pretaj. Laŭ hinda tradicio la edzino estas «duonkorpo» de sia edzo. Se la edzo ne vivas, ne indas ke la vidvino vivu sen sia alia duono, kaj la bona metodo por liberigi sin estas sati. Alia logikero estas jena: La edzo ĉiam zorgas pri tio ke la edzino estu feliĉa. Li laboras kaj gajnas monon por ŝi kaj aliaj membroj de la familio. Do la edzino, post la morto de sia edzo, devas rekompenci tiun bonecon per tio, ke ŝi zorgu pri lia eterna vivo en paradizo. Ŝi faras plej bone se ŝi iras en paradizon kun sia edzo kaj helpas pri ĉio bezonata de li. Tio estas la repago de la ŝuldo kiun ŝi prenis al si per la edziniĝo. Alia pli praktika logiko: Sekso estas unu el la bazaj bezonoj de homoj. Post morto de sia edzo, la vidvino ne povas satigi sin sekse, kaj morto pli bonas ol soifa vivo. Do, religio ebligas al vidvinoj liberigi sin de tiu soifo. En la 16-a jarcento, kiam Reĝo Yognarendra Malla mortis, liaj 35 edzinoj kune faris sati. En la 18-a jarcento, sati pli kaj pli oftiĝis. La bramanoj trovis pli terurajn argumentojn por daŭrigi la kutimon. Al viroj estis donita la rajto fari ĉion ajn por certigi la tujan morton de vidvinoj. Oni perforte devigis virinojn sekvi siajn edzojn; se ili ne pretis, oni preskaŭ mortbatis ilin kaj ĵetis ilin sur la fajron. La kruela moro ne mildiĝis ĝis Chandra Shamsher, la tiama ĉefministro, faris leĝon kontraŭ ĝi en 1929. Tamen antaŭ nur kvin jaroj, la novaĵo aperis en ĵurnaloj ke iu bopatro irigis sian bofilinon sur la ŝtiparon.

*Razen Manandhar.*

***********

## Vi petis de mi

Vi petis de mi verki pri morto. Verkisto bedaŭrinde mi entute ne estas! Mi ja eble povas rakonti al vi pri la sentoj, kiam mia patro rifuzis morti. Tro fortan koron li havis, eĉ post kiam la kancero jam delonge gajnis la batalon. Mi memoras, ke mi petis ke la kuracisto helpu lin, sed la ŝtato tion malebligis. La iama forta viro nun kiel infano kuŝis en lito. Ĉu mi rakontis jam pri mia patrino, kiu ĉiun tagon sidis apud la lito de la amata edzo? Kiel ŝi mortetis pro ĉiu korbato kiu direktis mian patron al la plej lasta, al la fino? Eble mi ne faris, eble neniam faros, ĉar eĉ mi havas mi-ajn privatajn sen-tojn.

Morto! Ĉu vi volas, kara, ke mi rakontu al vi pri la plej terura? Pri la miloj da junuloj, kiuj misinformitaj, cerbolavitaj, manipulitaj, direktas sin al la batalkampoj. Tiuj, kiuj iras defendi "la patrujon", la patrolandon, la nacion. Aŭ kian nomon donas ĉe vi la demagogoj al la loko kiun la junuloj devas protekti kontraŭ la atakoj de aliaj demagogoj.

Dum la lasta jarcento, ni eĉ ne plu kapablas kalkuli la kvanton da junuloj, junaj idiotoj, herooj post la morto por la patrujo, kiuj donis sian vivon por nenio, por iu freneza eltrovo de la kapitalo kaj la potenco, la nacio, la ŝtato.

Ĉiam ies filo, ĉiam ies frato kantis konatan bardon el Flandrio, kiam li prikantas la grandan militon de la komenco de la jarcento.

Iru al Yperen, iru al la valo de Somme, travagu la ĉenaron de tombŝtonoj. Fratoj kaj filoj, junaj knaboj mortintaj por nenio, montrofenestroj de la homa stulteco. Komprenu min, mi ne povas rakonti pri morto, aŭ ĉu vi volas ke mi rakontu al vi pri la infanoj, kiuj mortas pro malsato. Ĉiujn 2 sekundojn mortas en la mondo infano pro malsato aŭ pro milita kaŭzo. Komprenu kara, ke mi pri tio ne povas rakonti. Kia malhonoro por la homa raso! Permesu ke mi silentu pri tio. Ĉu vi povas elteni la bildojn el Afriko pri tiuj knaboj kaj knabinetoj, elĉerpitaj kaj kun balonaj dikaj ventroj? Kiel la plej bona aŭtoro en Usona dramo ili rigardas rekte en la lenson de la kamerao, rekte en mian koron kaj mi vidas ilin pensi: "Kial riĉulo, kial mi devas mortmalsati, ĉu mi ne apartenas al via speco?" Kaj mi hontas tiel terure, kaj mi sentas min tiel malforta, ke mi nur povas pensi : "Mi ne sciis, mi ne volis tion. La aliaj faras tion."

Mi ne povas verki pro malkapableco, mi ne volas rakonti pri morto, ĉar la privata morto, tiu de la parencoj, pro malsano aŭ oldeco, estas kiel mi diras, privata. Kaj la kolektiva morto, de la soldatoj kaj malsatuloj estas tro hontiga.

Permesu kara, ke mi silentu, mi havas nenion por diri pri morto. *Jakvo*



*Tiuj dokumentoj finas tiun temon. Aŭ ĉu kelkaj kapablus starigi viglajn vidpunktojn? Niaj tekstoj estas tro poluritaj!*



# El la Mondo

## Afero Billy WALDON

En la SAT-sidejo ni ricevis retmesaĝon de William HARMON kiu zorgas pri Billy Waldon en Usono. Jen lia teksto:

«Mi povas diri nur ke N.I. ankoraŭ okupas ĉelon en «morta vico» ĉe San Quentin Prizono. Lastatempe la estroj de la prizono severe limigis la eblecojn viziti la prizonon kaj paroli kun la prizonuloj, eble pro iu timo pri drogoj portitaj tro ofte de vizitantoj. Ne plu mi povas iri al San Quentin kaj paroli intime kun Billy trans tableto kiel antaŭe. Do mi ne vizitis lin nun dum kelkaj monatoj. Kiam mi laste vidis lin, li ŝajnis esti en sufiĉe bona sanstato. Li ankoraŭ preparas la lastan apelacion - kiom pli longe li povos prokrastigi tiun paŝon, mi ne scias. Jam pasis 7 jaroj de kiam li estis kondamnita en San Diego. Multaj el ni esperas ke la mortopuno estos malebligita en Kalifornio, sed tio verŝajne devos atendi novan guberniestron. Ni, kiuj konas la situacion, bone emas opinii, ke la apelacio ne estos sukcesa. N.I. reprezentis sin mem dum la proceso, kio estis tute malsaĝa, ĉar li ne estas advokato. Ni tamen daŭre esperas ke ia miraklo okazos kaj N.I. estos savita.
Intertempe oni povas skribi al li ĉe San Quentin. Uzu ordinaran paperon, skribu nur sur unu flanko, kaj ne inkluzivu ion ajn en la koverto krom la letero. Alie la prizonaj instancoj forĵetos ĝin. Lia adreso: Billy Waldon, H27800-4EB79, San Quentin State Prison, San Quentin CA 94974.»

W. HARMON

1. Iu kamarado retrovis malnovan tekston de Billy WALDON kiu komenciĝas tiel :
"Bonan Tagon. Mi estas Noiĉjo Sekvojo, ĉeroka Indiano kaj Esperantisto. Mi inventis Poliespon, fondis 4 organizaĵojn en 1985, kaj faris pli ol cent prelegojn tra Esperantujo. Bonvolu legi mian historion en La Fundamento de Poliespo. Pro la supraj faktoj la usona coiao (CIA) venis al mia aŭto kaj enmetis en ĝin propraĵon kiu apartenis al la viktimoj de nesolvitaj krimoj. Mi tuj akuziĝis je 4 murdoj kaj multaj aliaj krimoj. Mi estas tute senkulpa. Mi frontas la mortpunon. La Coiao (CIA) malamis la enhavon de miaj esperantaj prelegoj en kiuj mi ĉiam pledis por ĉiroka aŭtonomio kaj sendependeco. La Coiao malamis la 4 organizaĵojn kiujn mi kreis:
- 1 Monda Esperanto-Organizo
- 2. Monda Poliespo Organizo
- 3. Unuiĝintaj Nacioj de Aŭtonomiaj Popoloj
- 4. Monda Homaranisma Eklezio

2. La 1985-a numero de "Heroldo de Esperanto" (Aprilo 2000) sub la plumo de Giorgio Silfer informas, ke ĉeroka indiano (Darrell Rich - Juna Alko) estis ekzekutita en Kalifornio la 16-an de marto 2000. Ĉu ni kapablos savi Billy Waldon el la sama sorto?

# Agotago kontraŭ IMF kaj MB

La 26a de septembro estos la proksima tago de la Tutmonda Ago kontraŭ Kapitalismo.

Jam estas multaj grupoj tra multaj partoj de la mondo kiuj jam preparas tiun okazontaĵon, agnoskante, ke la kapitalisma sistemo, surbaze en la ekspluatado de la homoj, socioj kaj de la naturo por la profito de nur kelkaj homoj, estas la ĉefa kialo de niaj sociaj kaj ekologiaj problemoj.

Inter la tagoj 26a kaj 28a de septembro, Monda Fonduso Internacia (MFI) kaj la Monda Banko (MB) okazigos la 55an ĉi jaran Konferencon en Prago, Ĉeĥa Respubliko. Ekde nun organiziĝas mondskala popola protesto en Prago. La 26-an de septembro, la popoloj de la mondo manifestacios siajn kontraŭstarojn al MFI kaj al MB kaj al iliaj politikoj. La popoloj tra la mondo unuiĝos je solidareca esprimo kun la manifestaciantoj de Prago.

Eŭropaj bazaj grupoj renkontiĝis ĵuse kaj jam planas necentralizitan eŭropan agon en Prago. La ideo ankaŭ estas diskutata kaj apogata de diversaj latinamerikaj movadoj kiuj renkontiĝis en Nikaragvo.

La protesta Tago (26a de septembro) estas planata pro la sukceso de pasintaj Ago-tagoj de 18a de junio kaj 30a de novembro de la jaro 1999 kaj de la agotago de la unua de majo 2000. En tiuj tagoj niaj retoj kreskis, ni lernis multe kaj konstatis ke multaj novaj homoj aliĝis al la movado. La «S26» (septembro 26) daŭrigos tiun procezon por la konstruado de bazmovado forta kaj kreema cele al socio en kiu la homoj ne ekspluatu kaj subpremu la aliajn homojn, komunumojn kaj la naturon, cele al mondo kiu baziĝu en la solidareco, kooperado, demokratio kaj sur ekologia vivtenado.

Same kiel en la aliaj manifestacioj, homoj el diversaj landoj aldonos siajn fortojn kontraŭ la sociaj, ekonomiaj kaj politikaj institucioj de la kapitalisma sistemo, ĉefe kontraŭ MFI (Monda Fonduso Internacia) kaj Monda Banko (MB).

Laboristoj, senlaboruloj, studentoj, sindikatistoj, agrokulturistoj, senteruloj, fiŝ-kaptistoj, virinaj grupoj, etnaj minoritatoj, indiĝenoj, pacifistoj, ekologistoj, ktp... solidarece partoprenos, komprenante ke iliaj venkoj ne estas izolitaj unu de la aliaj..

La samtempa okupado kaj transformado de la socia ordo de kapitalismo, tra la tuta mondo, tra la stratoj, kvartaloj, kampoj, fabrikoj, oficejoj, komercaj centroj ktp... fortigos la reciprokajn inter-rilatojn tiel naciskale same kiel internaciskale.

Same kiel antaŭe, tiu agotago estos organizata laŭ ne hierarkia formo, kiel en neformala reto de bazaj movadoj, kiuj uzas ne aŭtoritatecajn formojn de organizado, kiuj luktas sendepende de la sociaj, politikaj kaj ekonomiaj institucioj de la kapitalisma sistemo, kaj kiuj serĉas per siaj agoj efektivajn ŝanĝojn.

Ĉiu evento aŭ ago estos organizata aŭtomate per ĉiu grupo, sed interligoj de diversaj movadoj povas efektiviĝi regione, nacie aŭ internaciskale. Jen strategio kiu povas utili en lokaj manifestacioj: kooperado de diversaj grupoj por kreado de etoso karnavala aŭ festa kiel bazo por aliaj diversaj agoj. Ekzemploj pri aliaj agoj: strikoj, manifestacioj, strataj festoj, marŝoj, muzikoj, dancoj, paroladoj, dis-

donado de fald-folioj, afiŝoj, disdonado de komunumaj gazetoj, strata teatro, disdonado de manĝaĵoj, solidarecaj agoj, okupacioj de oficejoj, alproprigo de kapitalistaj riĉaĵoj kaj transdonado de ili al laboristoj, individua deklaracio pri sendependenco rilate al kapitalismaj kaj aŭtoritatecaj reĝimoj. Fari popolajn bazajn protestojn antaŭ urba konsilantarejo, krei alternativajn ekonomiojn kiel ekzemple kooperativojn ktp...

Se vi aŭ via grupo planas fari ion aŭ intencas aliĝi al tiu agotago, bonvolu sciigi nin kiel eble plej frue por faciligi la kreadon de la reto kaj la komunikadon.

Se vi volas aliĝi bonvolu skribi al: resistance@x21.org kaj informu pri :

a) La lando kaj la loko kie vi volas fari la manifestacion, kaj aliajn informojn kiujn vi volas disvastigi.

b)La nomo de la grupo, koalicio, aŭ via propra nomo.

c)La agoj aŭ eventoj planataj.

d) Via ordinara poŝta adreso.

e)Via ret-adreso

f) Telefono

g) Fakso

h) Hejm-paĝo

Oni devas multe fari ankoraŭ por ke S26 estu kiel eble plej bona en skaloj loka, nacia aŭ internacia. Ni bezonas disvastigi tiujn informojn al plej eble multaj personoj, grupoj aŭ movadoj kiuj identiĝas pri tio.

La procezo de konstruado de nia movado daŭrigos en aliaj agotagoj kontraŭ kapitalismo en estonteco.

En tia movado, neniu donas ordonojn al iu ajn. Ĉiuj faros laŭ siaj plaĉoj. Ĝi estas movado necentralizita kaj ne hierarkia, kiu okazos el nia propra kapablo kunlabori solidarece unu kun la aliaj.

resistance@x21.org



HISPANIO

# ASTURIO - Ŝipkonstruejo Naval Gijon S.A."

Denove la laboristoj de "NAGISA", privata ŝipkonstruejo, eliris surstraten kaj mobilizis sin. Tiu ŝipkonstruejo de Asturio estas protagonisto de la tiea laborista movado jam delonge pro ties konsekvenco kaj batalemo.

Nova ĉapitro startis oktobre 1999 pro la intenco de la mastro ĉesigi 231 eventualajn kontraktojn. Ekde tiam, ĉiuĵaude okazis mobilizo kaj protestoj. La situacio pliakriĝis kiam estis diskuton rilate siajn proponojn kaj postulojn :

- daŭrigo de la publikaj helpoj
- novaj labormendoj
- rifuzo de kunfandiĝo kun «Juliana Constructora», ŝtata entrepreno, kiu signifus pliajn maldungojn por ambaŭ.

Tiun tagon la mastro deklaris lokaŭton.

La 16-an la protestoj okazis en "Uviéu", ĉefurbo de Asturio. Dum renkonto inter la mastro, laboristaj delegitoj kaj oficialaj instancoj, ili anoncis novajn mobilizojn, ĉar la diskutoj atin-feran liston, kvankam tio ne garantias al ili novan dungon.

Tiel provizore solviĝis la longa ĉapitro de tiu ĉi konflikto.

*Snajpero, marto 2000*

Noto: Mi volas doni personan opinion. Certe oni ne povas vidi venkon post tiom longa batalado sed ja estas konstateble ke la mobilizo, la batalo ankoraŭ utilas. Mi vidas la ekzemplon kiun donas manpleno da laboristoj kiuj ne pretas kapitulacii. Estu mia respekto kaj solidareco kun ili.

*Snajpero*



maldungitaj 89 el tieaj laboristoj. La 7an de februaro la laboristoj izolis la fabrikon dum 5 horoj. La 10-an ili okupis la instalaĵojn kaj eltenis batalon dum 13 horoj kontraŭ la ŝturmpolico. En tiu batalo rezultis kelkaj vunditoj kaj unu arestito. Kontraŭ la polico oni uzis diversajn hejmarmilojn, barikadojn kaj la trafiko estis interrompita en la tuta areo. Post tranokto en la fabriko la incidentoj rekomenciĝis la 11-an ĝis kiam la laboristoj anoncis paŭzon, kiu ebligu gis nenian rezulton.

Post 28 tagoj de paŭzo la fabriko, ĝis tiam kontrolata de privataj gardistoj, estis ree okupita la 6-an de marto. Ripetiĝis la bataloj ĝis la 10-a.

La 13an okazis nova renkonto sub la premo de ŝtataj instancoj, por solvi la konflikton kaj kun la minaco pri likvido de la fabriko. Fine la partoprenantaro decidis akcepti la lastan proponon: oni reakceptos la 89 maldungitojn sed nur ĝis la finkonstruo de la nun konstruataj du ĥemiŝipoj. Ekde januaro 2001 la eventualaj eniroj en pre-

**CERBAJ IMPULSOJ**

«Ekzistas popolgvidantoj kiuj estas senmortaj nur dum ili vivas!»

«Por burokrataj vermoj la ŝatata pomo estas paradiza.»

DoMo

# LETERO DE NIA MEMBRO

Bonvolu haltigi forsendadon de la gazeto "Sennaciulo". Mi seniluziiĝis pri la solidareco inter la membroj de SAT, post kiam mi skribis leterojn al 8 SAT-anoj, petante-proponante al ili diskutojn pri efikaj metodoj al senklaseco-kaj pri senekspluateca socio, sed iel tiel respondis nur 2 SAT-anoj, kiuj ne emis diskuti pri la proponitaj temoj. Cetere, mi estas 70-jarulo, laŭ profesio mi estis karbministo, kiu post 15 jaroj da laboro iĝis invalido. Mi scias, ke en la jaro 1921, kiam SAT estis fondita, ekzistis la ekspluatado de laboristoj. Sed, ekde kiam estis akceptita en multaj ŝtatoj la "Deklaracio pri homaj rajtoj", en multaj ŝtatoj oni respektas la homajn socialajn rajtojn. Nun oni vivas aliel, eĉ la senlaboruloj ne plu bezonas almozpeti kiel oni almozis antaŭ la jaro 1939. Ja, ĉiu senlaborulo ricevas socialan monsubtenon, ankaŭ por siaj infanoj, kaj, kvankam nia ŝtato (Ĉeĥio) estas en ekonomia krizo, kaj kapablas subteni la senlaborulojn nur per 40-45 % de la meza salajro, dum en Germanio, Francio, Britio ili ricevadas subtenojn je alteco de 80 % de la meza salajro.
Sed, dum regas en la internacia komercado tia akra konkurenco fare de ŝtatoj de la Eŭropa Unio aŭ de samlandaj komercistoj, nialandaj komercistoj ne kapablas akiri mendojn por sia landa varo, tiam oni ne miru ke la ĉilandaj laboristoj ofte eĉ silente konsentas pri la ekspluatado, por ne perdi ŝancon labori eĉ kontraŭ malpli da mono. Ja, ili komprenas, ke aliel la entrepreno bankrotus pro nesufiĉa mono por salajroj. Jam multaj aliaj entreprenoj malaperis pro akra konkurenco de alilandaj entreprenoj kaj ties laboruloj. Do, batali eblas dum militoj, sed dum paco la laboruloj estas senĉese rivaloj pro la superproduktadoj en ĉiuj industriaj landoj. Kiamaniere forigi la superproduktadojn sen ekspluatado, scias ĝis nun neniu ekonomiisto-geniulo. Ĉu vi scias? Bonvolu la saĝuloj el la estraro de SAT publikigi siajn verojn en Sennaciulo. Ili bonvolu instigi siajn membrojn, ke eble iu el ili scias kiajn sociajn reformojn fari tiucele?
Klasbatalo, tio estas nur fuŝita, demagogia termino por prapratempa antikva homa strebado akiri pli grandan rekompencon por sia laboro, por siaj meritoj, el la profito per aktivecoj faritaj de la tuta laborkolektivo. En ĉiu laborkolektivo ĉiam ekzistis kaj ekzistos unuopuloj, kiuj estis kaj estos konvinkitaj, ke la rekompenco, la salajro, la profito, ne estis juste disdonitaj, ĉar li aŭ ŝi faris multe pli kvalitan laboron ol la ceteraj kolektivanoj. Jen do, klasbatalo estas nur politika termino pere de kiu la politikistoj diskonigas siajn demagogiajn paroladojn al fidemaj laboruloj.
Sed, dum tiu ĉi etapo de la homa evoluo, kiam la industria superproduktado en kelkaj landoj negative efikas al la vivnivelo en aliaj landoj, tiu misekonomia situacio minacas ke anstataŭ la klasbataloj, denove aperos naciaj bataloj. Ekzemplo estas la landoj de eksa Sovetio, kie la politikuloj dum 70 jaroj ne trovis solvon por juste dividi la industrian profiton al ĉiuj laboruloj. Tial la laboruloj tie vivis kaj vivas daŭre en la plej malalta eŭropa vivnivelo.
Do, evidentiĝas, ke la recepton por la pli alta vivnivelo trovis nek Karlo Marx, nek Engels, Lenin, Stalin, Ĥruŝĉov, nek la usona ĉefa komunisto Gus HALL, kiu eltrovis por laboruloj novan demagogion pri la "jarcento de socialismo", por la 21-a jarcento.
En realo, malgraŭ ĉiuj homaj promesoj, ĉio evoluas aliel. Simile, la plimulto de SAT-anoj konscias ankaŭ pri la vaneco de la ideoj de SAT, kaj sekvo estas, ke multe pli da esperantistoj kunvenas dum la Universalaj Kongresoj de Esperanto ol dum SAT-kongresoj.
Kaj, ĉar miaj vivkondiĉoj, miaj esperoj, miaj ideoj ankaŭ evoluis laŭ aliaj reguloj, kaj mia vivo jam estas vivo de malsanulo kiu siajn malsanojn akiris dum laboro por konstruado de socialismo en mia patrio, mi vidas nun, ke vanas legi Sennaciulon.

*Vojta TROJAN*

---

*Nova eldonaĵo ĉe SAT-broŝurservo/Laŭte !:*

## UNIVERSALISMO

### Djémil KESSOUS

«Universalismo» estas koncepto, kiu, transpasante ĉiujn partikularismojn, sin turnas al ĉiuj kaj precipe al la plej malfavorataj. Ĝiajn malproksimajn originojn oni trovas en la greka aŭ romia antikveco. Vulgara ideo naskita de cerbo de iu ajn individuo - kiel ajn genia - ĝi tamen ne estas. Tute male, ĝi estas la plej grava esprimado de la socia movado.
Oni povas sekvi ĝian progresadon ekde la primitiva kristanismo ĝis la freŝdata tradicio de la mondcivitanoj, tra, sinsekve, la humanismo de la XVI-a jarcento, la progresismo de la Klerismo («la Lumoj» en la XVIII-a , la franca Revolucio kaj la grandega socia movado de la XIX-a jarcento, en kiu intermiksiĝas kaj interdebatas - kun ĉiuj siaj kontraŭdiroj - la multaj skoloj, kiuj ĝin konsistigas: socialismo, komunismo, anarkiismo, sindikatismo, feminismo, esperantismo...
Observinte la grandajn liniojn de la historio de universalismo, ekzameninte la diversajn elementojn, analizinte ties substancon, la aktoro skizas la vastegajn perspektivojn, kiujn tiu movado, ankoraŭ plene fermentanta, hodiaŭ proponas.

**********

Tiu libro, verkita originale en la franca, estas nun esperantigata de Jacqueline Lépeix kaj aperas felietone en la gazeto «Laŭte!», ekde la julia numero de jaro 2000 (abono al Laŭte 90 FRF). Por neabonantoj de Laŭte estas riceveblaj specimene la unuaj paĝoj. Nura peto sufiĉas. Ne-abonantoj de Laŭte aŭ/kaj tiuj, kiuj deziras libroforman eldonon, bonvolu subskripcii. La libro estos ĉ. 120-paĝa kaj kostos 6 € (aŭ 40 FRF) kun la afranko. Ne necesas antaŭpago, sufiĉas la aĉetpromeso al : Esperanto, «Laŭte», FR-47470 Beauville.

## Se la mondo estus vilaĝo...

***kun nur 100 homoj, vivus en ĝi***
***57 azianoj***
***21 eŭropanoj***
***14 nord- kaj sudamerikanoj***
***8 afrikanoj***
***70 neblankuloj***
***70 nekristanoj***
***70 analfabetoj***
***50 malnutritoj***
***80 personoj en mizeraj domoj***
***1 persono kun universitata eduko***
***50 % de la riĉaĵoj restus en la manoj de 6 personoj***
***Ĉiuj 6 personoj estus civitanoj de Usono***

El "Kontakto" n° 177 (2000/3)

# Tamen...

Komence de la 20-a jarcento, multaj kamparanoj ankoraŭ ne komprenis la valoron de la leĝoj de Jules Ferry*.

Ili nenion sciis pri instruado, kaj por ili nenia estis la signifo de «lernado», de «skribado».

Ili opiniis, kiel iliaj praŭloj, ke ne estas necese scipovi legi kaj skribi, por bredi bovidon aŭ prigardi bovinojn.

Preskaŭ ĉiuj homoj estis ricevintaj instruadon de religiuloj. Tiuj personoj diris al kamparanoj :

« *Vi tute ne bezonas instruadon, vi ĉiam estos plugistoj. Ĉiam ekzistis kaj ĉiam ekzistos riĉuloj kaj malriĉuloj. Vi estas kaj estos ĉiam malriĉuloj. La riĉulojn, Dio kreis por estri la mondon. Ili estas necese pli inteligentaj ol la malriĉuloj. Do vi devas obei kaj labori. Vi neniam kapablos alion fari.*»

Laŭ religiuloj, tio estis dia parolo.

La infanoj lernis kantojn, kiel ĉi tiu :

*Kial foriri el nia domaĉo ?*
*De kiam estis necese fariĝi klerulo por plugi la grundon ?*
*Kion donos al ni scienco ?*
*Ĉu ĝi maturigos la spikojn?*

Tiu pensmaniero pri lernejo daŭris longtempe...stimulita de la riĉaj posedantoj.

H.M.

Eltiraĵo el la revuo ICEM ESPERANTO n° 94, marto 2000, kiu entenas dosieron pri la eduksistemo kaj ĝia historio en Francio, kaj pri la evoluo de la rajtoj de infanoj.

*Jules Ferry (1832-1893) - advokato kaj franca politikisto el la 19-a jarcento. Kiel ministro pri publika edukado li donis al Francio multajn leĝojn pri instruado kaj forprenis ĝin el la manoj de katolika eklezio, kreante publikan kaj laikan instruadon.

*El la SAT-sidejo*
*67 avenue Gambetta,*
*FR-75020 Paris*
*Tel: +33.1.47.97.87.05, Fax: +33.1.47.97.71.90*

# FONDUSO POR NOVA P.I.V.

Kiel vi jam estas informitaj, la laboro pri Nova PIV bone evoluas kaj ni esperas ke en la jaro 2000 ni povos eldoni ĝin.-Ĝi devus esti tute renovigita, ĝisdatigita kaj vere ilustrita, t.s. ke la ilustroj estos enkorpigitaj en la teksto mem.-

La eldonkosto de tiu nova ĉefverko de nia lingvo estos tre alta kaj pro tio ni decidis malfermi Fonduson por la eldono de tiu nova PIV.-Ĉiu esperantisto kiu deziras helpi en tiu entrepreno povas sendi monon al tiu fonduso.-La nomoj de kontribuantoj kaj sumoj regule aperos en Sennaciulo.-Se iu ne deziras ke lia/ŝia nomo aperu en tiu listo, ĝi aperos anonime.-La monon bonvolu sendi al la poŝtkonto de SAT :

n° 1234-22 K, Paris (en Francio)
n°-30041-00001-0123422K-020-39 (el eksterlando)
kun indiko "Por la Fonduso de Nova PIV".

Ni anticipe dankas al ĉiuj kontribuantoj.-

La P.K.-de SAT

**HELPO AL LA ASOCIO**

**En Svedio (SEK)** Hammarberg 60,00; Huskvarna SLEA-klubo 500,00;

**En Nederlando (NLG)** Kuster 7,50; Ten Hagen 20,00; Weber 10,00; ter Braak 105,00; Zwartepoorte 30,00; Moerbak 5,00; Landwehr 5,00; Krombeen 107,50; Holster 17,50;

**POR NOVA PIV**

A. de Jong 25,00 NLG; J. Dias Pinto 250 USD; Dilermando Teixeira 100 USD;

# NEKROLOGO

La 8-an de majo 2000 mortis en Hisings Karra (Svedio) nia malnova membro, kamaradino

**Märtha ANDREASSON**
**(matr. 32.158)**

Ni kondolencas al ŝia edzo kaj la aliaj familianoj.

****

La 24-an de majo 2000 mortis en Parizo (Francio), nia tre malnova membro, k-do

**André GAILLARD**
**(matr. 12.218)**

Li estis mondcivitana kaj vegetarana aktivulo. Ni kondolencas al la familianoj.

****

La 17-an de decembro 1999 mortis en Hago (NL) nia kamarado

**L.B. ROELOFS**
**(matr. 19936)**

Li estis fidela membro de SAT dum sia tuta vivo. Ni kondolencas al la familianoj.

## *Ni legis por vi...*

**Dictionnaire Pratique** *(praktika vortaro), franca-esperanta kaj inverse, eldono 2000 de SAT-Amikaro, formato 14x19,5 cm, 520 paĝoj, prezo: 150 FRF.*

Dum tro longaj jardekoj ĉiu Esperanto-instruanto devis, iumomente, respondi al tre malfacila demando de siaj lernantoj: "Kiun vortaron vi konsilas al mi?" Malfacila demando, ĉar, fakte, ne ekzistis taŭga respondo.




Por komencanto tiu vortaro devus kunigi la jenajn karakterizojn :
1) Ne tro malfacila, ne tro impona, ne tro multekosta.
a) Pro tio "PIV" ne povas konveni: 1300 paĝoj, unulingva, unudirekta, 420 FRF (lasta eldono 1987).
b) Grand Dictionnaire Esperanto-Français de Waringhien: 440 paĝoj - unudirekta, 150 FRF
c) Grand Dictionnaire Français-Esperanto de Le Puil kaj Danvy: 940 paĝoj, unudirekta, 260 FRF
d) ...Ambaŭ (estas necese!): 1380 paĝoj - 410 FRF. Modernaj, kompletaj... sed entute, tiel multekostaj kiel PIV.

2) Ne tro rudimenta kaj ne tro malnova : Fakte neniu:
a) Dictionnaire de poche, juna (1996), belaspekta, sed tamen tro elementa.
b) Grojean-Maupin, la bona praulo de miaj junaj jaroj, jam malaperis de 50 jaroj!
c) La antaŭa "Dictionnaire pratique", malgraŭ nekontesteblaj kvalitoj, iom tro elementa... kaj tro malnova (1974) ne plu sufiĉis.

Pro tio, ĵus aperinta "Dictionnaire Pratique" tute renovigita kaj kompletigita venas tre oportune plenigi vakantan lokon. Ĝiaj kvalitoj estas evidentaj :
1) Tre agrabla ekstera aspekto; bele kaj forte bindita, agrabla blua koloro kiu ebligas rapide distingi ĝin de la Grand Dictionnaire E-F de Waringhien, de sama formato.
2) Bele kaj klare presita
3) Moderna: ĵus reviziita kaj kompletigita de Paul Signoret kaj André Andrieu, kio estas atesto pri kvalito kaj seriozeco.
4) Kompleta: ambaŭdirekta kaj pro tio ne tro multekosta.
5) Sufiĉe kompleta enhavo: la Esperanta parto entenas 9600 radikojn kaj la Franca 20000 kapvortojn (kontraŭ ĉirkaŭ 13000 en la antaŭa eldono).
6) Enkonduko tre klara kaj pedagogia, kiu bone informas kaj indikas, kiel uzi la vortaron.
7) Tre klara kaj sufiĉe kompleta gramatika resumo (10 paĝoj kontraŭ 1 en la antaŭa).
8) Indiko de transitiveco kaj netransitiveco por la verboj estas valora indiko. Sed kelkafoje bonaj ekzemploj estas preferindaj. Tiu saĝa solvo oftas en la nova vortaro.

Evidentas ke tiu nova eldono estas fakte nova vortaro, kiu situas ĝustaloke inter "Dictionnaire de Poche (poŝvortaro) kaj pli gravaj vortaroj, ofte tro imponaj kaj multekostaj por komencantoj. La instruistoj pri Esperanto nun scias, kiel respondi al la demando de siaj lernantoj kaj povos senhezite rekomendi ĝin al la komencantoj.

*Jean MARIN*

*****

**Kulturo kaj sano**. *Referaĵo por la Monda Jardeko de Kultura Evoluigo. Mervyn Claxton. Eld. UEA, 1999. Prezo ne indikita al la recenzinto.*

Je la ricevo de tiu plaĉaspekta broŝureto, traduko de Culture, Health & Civilization, eldonita de Unesko 1996, povas nin trafi antaŭsento de enuo; oni emus pensi: «Jen oficiala tedaĵo plia, kiu ŝablone rediros banalaĵojn ĉie ripetatajn kaj aŭdatajn pri higieno, pri ĉies rajto je sano, pri la neceso helpi la evoluantajn (evoluontajn?) landojn, ktp, ktp.» Kia eraro! Tute male, malofte estas legebla, en apenaŭ 40 paĝoj, tiom da densaj informoj, sed precipe tiom da originalaj vidpunktoj, da riĉe dokumentitaj historiaj faktoj, kiuj interlige klarigas, komprenigas la nunan staton de la sano de la tuta homaro.

Malfacile estas doni ideon de la amplekso kaj profundeco de tiu pripensado, malgraŭ ĝia koncizeco. Tamen jen p. 19 pri fidrogoj. Oni lernas, ke en prakulturoj, ekzemple tiu de Aztekoj, uzado de halucinaj drogoj estis socia fakto, en specifaj religiaj praktikoj; sed la homa grupo tiama regis kaj sekve limigis tiun uzon, farante ĝin malofta, do sensklaviga, sendanĝera. Male la nuna okcidentakultura konsumado de fidrogoj estas individua, ekstersocia, disiĝa el la grupo, fine detrua. La problemo de fidrogoj do ne kuŝas tiom en ilia uzo, kiom en ilia ekstergrupa, malkomuna, individueca konsumado, kiu detranĉas la uzanton de siaj homfratoj, kaj samtempe ebliĝas nur dank' al tiu rompo de sociaj ligiĝoj, en infera rondo. Tiu pripenso malfermas novan vidpunkton: la disfalo de la socio kondukas al fidrogoj, kaj ne fidrogoj disfaligas la socion.

El alia ekzemplo, la paragrafo pri alternativaj medicinoj, la leganto ekkonceptas la rolon de tiuj praktikoj kiel tiun de la britaj «fantomaj» ministraroj: kvankam mem ne regante, tiu opozicia kvazaŭregistaro, per sia nura ekzisto, proponante aliajn rimedojn, tre efike prudentigas, limigas, fine subkonsilas la aktualajn regantojn.

La perfekta traduko de la multlingva Helga Rapley, en stilo eleganta, flua, elasta, aldonas plian allogon al tiu verketo, kies kvalifiko povus esti, inverse de la Zamenhofa proverbo *Kapo majesta, cerbo modesta*: libreto modesta, enteno majesta.

*Johan' Luko.*




# 73-a Kongreso de S.A.T. en Moskvo - Rusio 15-23.07.2000

Organiza Kongresa Komitato:
**Prezidanto**: Nikolao GUDSKOV, a/k 57, RU-105318 Moskvo. Tel.: 00.7.095.369.42.20. (hejma), e-poŝto:<nikolao@orc.ru>
**Sekretario-kasisto**: Mikaelo ĈERTILOV, a/k 21, RU-143000 Moskvo-odincovo-6. tel/fakso: 00.7.095.243.74.56.
e-poŝto: <mikaelo@esperanto.nu>.

**Kotiztabelo (ĉiuj prezoj en Francaj Frankoj (FRF) kaj € )**

| Kategorio | poste |
|---|---|
| SAT-membro | 500 FRF/76,92€ |
| SAT-geedzoj | 800 FRF/123,08€ |
| SAT-gejunuloj | 250 FRF/38,46€ |
| nemembroj de SAT | 600 FRF/92,31€ |
| geedzoj, SAT-nemembroj | 950 FRF/146,15€ |
| gejunuloj, SAT-nemembroj | 330 FRF/50,77€ |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas kotizon.

❑ La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.

❑ La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 40% rabaton.

❑ La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 60% rabaton.

## KIEL ATINGI KONGRESEJON KAJ HOTELON "SEVASTOPOL"?

Ĉiuj kongresanoj alvenantaj Moskvon estos renkontataj ĉe la flughaveno aŭ stacidomo, se ili anticipe informos pri la numero kaj alventempo de la flugo aŭ trajno. Se ne, la hotelo «Sevastopol», kie estas rezervitaj lokoj por ĉiuj kongresanoj, atingeblas memstare per urba trafiko.

Ĉiuj aviadiloj el Eŭropaj landoj venas al la internacia flughaveno «Ŝeremetjevo-2» (29 km de la urbocentro). De ĝi veturas urbobusoj (n-ro 551), mikrobusoj kaj ekspres-busoj al la metrostacio «Reĉnoj vokzal». Prezo de biletoj: inter 4 kaj 15 rubloj. Ni ne rekomendas uzi taksion, ĉar la taksiistoj emas prirabi eksterlandanojn je 50 kaj eĉ pli da USD! Ni ne rekomendas ŝanĝi grandajn monsumojn en la flughaveno, ĉar la kurzoj tie estas ĝenerale nefavoraj - ŝanĝu 10-20 USD, tio sufiĉos por komenco. En Moskvo eblas uzi internaciajn kreditkartojn (VISA, EUROCARD, k.t.p) en bankomatoj por ricevi kontantan monon en rubloj aŭ dolaroj.

Per metroo de metrostacio «Reĉnoj vokzal» rekte oni veturu ĝis la stacio «Kaŝirskaja» (ĉ. 30 minutoj). Magneta bileto por unu eniro kostas 4 rublojn, sed kvinenira - 15 rublojn. Ekzistas ankaŭ 10-enira kaj 20-enira bileto kontraŭ 30 kaj 60 rubloj. La bileton oni enmetas en turniketon kaj eklumiĝos verda lumo. Elprenu vian magnetan bileton el la turniketo kaj iru plu en la stacion. En metrostacio «Kaŝirskaja» forlasu la vagonaron kaj envagoniĝu en la alian, transirinte al alia flanko de sama kajo, kaj veturu kvin minutojn ĝis metrostacio «Kaĥovskaja». Iru al la elirejo troviĝanta antaŭe, laŭ la direkto de vagonaro. La hotelo troviĝas tre proksime, kaj prezentiĝas kiel vico de 4 altaj konstruaĵoj. La poŝta adreso de la hotelo estas:- **Bolŝaja Uŝunjskaja ulica, 1a**. La ĉambroj estas rezervitaj en la 2-a konstruaĵo. En la akceptejo deĵoros esperantistoj aŭ estos lasita informo. Nomoj de gekongresanoj nepre estos en la listo ĉe la akceptejo.

Atingi la kongresejon, kie okazos registrado, eblas de metrostacio «Avtozavodskaja», kiu troviĝas sur la sama linio kiel «Kaŝirskaja» kaj «Reĉnoj Vokzal». Pli oportuna eliro estas tiu, kiu estas antaŭe, laŭ la direkto al la urbocentro. Elirinte el la metrostacio «Avtozavodskaja» turnu maldekstren en la substrata tunelo kaj prenu ajnan trolejbuson aŭ aŭtobuson n-ro 9. Dek bus-trolejbus-tram biletoj kostas 20 rublojn kaj aĉeteblas en metrokasejoj. Veturu du haltejojn, kaj antaŭe dekstre vidu la kongresejon (foto estis en S-ulo). La poŝta adreso estas **strato Avtozavodskaja, 16**.

## VIAJ REAGOJ ...

### Multaj eks-SAT-aniĝu, laŭ Jürgen'a principo (eĉ li mem!)

La postuloj de k-do Kuhl bezonas akran refuton. Ili koncernas lian deziron ostracismadi certajn (konsekvence multajn) SAT-anojn, kaj lian deziron enkarcerigi la aliajn.

Sed mi unue enkonduku mim mem. Mi SAT-aniĝis en 1935 kaj restis membro dum 59 jaroj, ĝis 1993. Mi eksiĝis pro nepolitika tialo: mi ne akceptis la nekompetente lingvisman diktatorecon de la redaktoro de Sennaciulo; mi ne estis la unua ano aganta tiel kaj tial. Dum mia membreco mi ofte agis aktive, precipe pri politikaj aferoj, kaj prenis parton en multaj SAT-kongresoj (unu kun k-do Lanti). Mi neniam prenis parton en UEA-kongreso, eĉ ne en tiu en Aŭstralio antaŭ kelkaj jaroj. Mi tamen ne estas kontraŭ UEA: mi kunlaboras kun pluraj organizoj burĝaj, ĉar praktike (ne teorie) ili ofte estas same "demokrataj" kiel SAT, kelkfoje eĉ pli. Mi uzas UEA (aŭ UEA uzas min) por vendi librojn miajn, kaj mi alie kunlaboras kun ĝi. Mi fiere estas membro (iam Prezidanto) de la neŭtrala Esperanto-movado en Aŭstralio (ne ekzistas LEA), dum dum multaj jaroj mi estis la aŭstralia SAT-agento (malĝuste nomata "peranto"). Mi, kiam juna, estis anarĥiisto, sed mi jam 60 jarojn estas marksisto, komunisto. Mi kunlaboras kun "Laŭte!"., ĉar mi aprobas ĝian filozofion de libera pensinterŝanĝado kaj ĉar ĝi ne cenzuras mian fanatike Fundament'ecan lingvouzon. Mi eĉ kontraŭis (male al la mensoga aserto de s-ro Bernard Aunis) la de aliaj legantoj postulitan eksigon el "Laŭte!" ante al Bernard Golden, kiu klopodis krude ofendi min pro mia maljuneco.

Mi opinias, ke k-do Kuhl mense vivas en fabelujo. Li havas justajn kaj laŭdindajn idealojn, sed lia fabelumado kaŭzas, ke li pensas kaj agas maljuste kaj mallogike, kiam li juĝas la agojn de homoj. Kompreneble, ni agitas, kaj eĉ batalas, por socia justeco kaj kontraŭ la kapitalisma regado kaj teroro, sed tamen ni prenas parton en la abomena sociordo, ofte eĉ libervole por havi pli da influo. Se k-do Kuhl estus konsekvenca, li postulus sinmortigon de ĉiuj kiuj kontraŭas la kapitalismon, ĉar ni ĉiuj vivas en kaj kunlaboras kun ĝi, malfeliĉe kaj malbonŝance, kaj ne kapablas eltiri nin el ĝiaj ungegoj. Ni eĉ povas ideologie esti, pro manko de scio, same anarĥiismaj kiel religiaj aŭ konkurencsportemaj. Nu, k-do Kuhl ne rajtas kritiki nin, se ni ne mortigas nin por esti konsekvencaj, nek se ni uzas kapitalismajn instancojn artajn, politikajn aŭ sportajn. Estas sensenca por SAT-ano klasigi malamikoj tiujn, kiuj estas membroj de UEA aŭ de neŭtrala organizo landa. Estas same maljusta postuli, ke SAT malmembrigu anojn de UEA aŭ de iu politika partio. Konataj kaj fidindaj SAT-anoj kiaj Waringhien kaj Neergaard kunlaboris en UEA, stalinistoj kia Kalocsay kunlaboris kun SAT, kaj Kuhl-a logikeco postulus, ke SAT eksigu Waringhien kaj Neergaard kaj multajn aliajn, kaj rifuzu eldoni Plenan Vortaron (pro Kalocsay k.a.). Mi trovas la fabelecon de Kuhl danĝera (ne lian personon nek liajn idealojn).

Verŝajne pli ol iu alia aŭstralia Esperantisto mi bone konas k-don Kep Enderby kaj liajn politikajn ideojn. Kep estas politike same aŭ pli "maldekstra" ol k-do Kuhl. Sed li hazarde aspektas "burĝa", ĉar li profesie estis juĝisto (de la Alta Kortumo), kaj ni scias, ke en kapitalismo la juĝsistemo estas tendence porkapitalista kaj porpotencista. Sed estus idiota, postuli ke li ne juĝistu, aŭ ke li ne prenu parton en la socio per impostpago aŭ per uzado ante la kapitalistajn trinkakvon, transportilojn, kaj teatrojn. Tre laŭdinda estas lia aneco al SAT (pro lia maldekstreco). Laŭdinda estas ankaŭ lia prezidanteco de UEA, por Esperanto. Eĉ kapitalismulojn SAT ne eksigu nek eksigas (ili ja povas "edukiĝi"); antaŭ la mondmilito kelkaj Nazi-anoj estis membroj de SAT. Alie SAT devus eksigi eĉ la socialistojn, kiuj ja estas, kvankam dolĉe, kapitalismemaj. Dum mia SAT-agenteco mi senhezite varbis ĉiujn burĝajn estraranojn (kaj aliajn) de la neŭtrala Esperanto-Asocio en Aŭstralio. Kial ne? Ili (laŭ mi) ja povos emancipiĝi. SAT nek eksigis (ili mem eksiĝis) la leninistojn ja diktatoremajn.

Mi multajn jarojn laboris en grandaj, religibazaj lernejoj; mi kompreneble ne rajtis instrui ateismon (la estroj sciis mian ateismon). Sed eĉ persone mi trovis morale nejusta, mallavi (= malpurigi, influi) per mia "kredo" la mensojn de la gejunuloj, se ili ne petis mian opinion. Ĉu mi estis hipokrita, ĉar mi ne volis apliki mensmallavadon? Ĉu Jürgen ne uzadas, eĉ kiel plezuraĵojn, multajn kapitalistajn entreprenojn?

Estas same maldemokrata kaj maljusta, ke mi kiel SAT-ano aŭ kiel komunisto ne rajtu vojaĝi en diktatorajn landojn: mi ofte faris tion. Kaj same ofte mi vojaĝis en preskaŭ same maljustajn kapitalismojn kiaj Francujo, Nederlando, Japanujo, kaj Usono. Se ne, mi devus min mortigi kaj postuli ke, por esti politike konsekvenca, k-do Kuhl faru la samon. La stranga situacio, ke nekapitalismemaj idealistoj devas vivi, kunlabori, kaj malmorti en la kapitalismo igas nin aspekti hipokritoj. Sed kion vi preferas: nevivi aŭ kunvivi?

Mi admiras tiujn UEA-estraranojn, kiuj deziras kaj kuraĝas esti membroj ankaŭ de SAT, kaj tiujn, kiuj prenas parton en SAT-kongresoj, ne malplej k-don Kep Enderby. Kaj ankaŭ tiujn kiuj al kapitalisma Israelo iros por preni parton en UEA-kongreso.

Marcelo Leereveld, Aŭstralio

Noto de la PK: ni plezure aperigas tiun tekston de k-do LEEREVELD. Ni deziras komenti lian esprimon:»...*la nekompetente lingvisman diktatorecon de la redaktoro de Sennaciulo*». La legantoj verŝajne rimarkis ke k-do Leereveld uzas la esprimojn: **«ante»** kaj **«ate»** (ion aŭ iun). Tiuj formoj estas fakte fundamentecaj...sed neniu en la SAT-oficejo (*kaj ne nur la diktatoreca redaktoro*) komprenas la ekzaktan signifon de tiuj vortoj. Pro tio en 1993 ni sugestis ke k-do Leereveld modifu la stilon de artikoloj kiuj entenis tiujn esprimojn. Sekve k-do Leereveld ofendiĝis kaj eksiĝis el SAT. Ni daŭre bedaŭras tiun decidon.

*****

### Pri la nomŝanĝo de S.A.T.

En «Sennaciulo» (2/2000), G. Mickle sugestis: «SAT pripensu nomŝanĝon». Laŭ miaj spertoj dum poresperanta agado en Rumanio, li tute pravas : SAT «priskribas miskomprenon de multaj», ĝi havas «publikerarigan nomon». Fakte, nia unua kontakto kun ĉiu ajn organizaĵo estas ties nomo kaj, se la nomo estas konfuziga, mistrafa, tio estas

la unua strategia eraro de la organizaĵo, ĉar ne ĉiu homo povas atente informiĝi pri kio reale temas. Ne estas ĉi tie loko por memorigi kiel la vorto «sennacieco» naskiĝis el la konvinko de Lanti, ke «la monstro» kaŭzanta militojn estas la nacieco. Poste evoluis kaj la konceptoj de SAT kaj ĝia ĉirkaŭo. Hodiaŭ oni ne plu egale kondamnas «kaj la patriotismon kaj la ŝovinismon», ne akceptas la tezon «pereu ĉiuj naciaj kulturoj» ktp. Neniu politikisto aŭ esperantisto povas prezenti por varbado tiajn konceptojn. Aŭdante pri SAT, la homoj povas demandi sin ĉu oni devas neniigi la naciajn sentojn (kiam ĉiu etno firme batalas por sia identeco)? Ĉu SAT havas la saman celon kiel la imperiismo, kiu per insida eksporto de lingvo kaj kulturo volas sufoki aliajn kulturojn, uniformigi la mondon, nuligi la tiom necesan diversecon de kulturoj kaj la deziratan policentrismon de la kulturo. Ĉu SAT ankaŭ hodiaŭ malakceptas la tradiciajn valorojn - beletron, etnografion, folkloron, ktp, kiuj ĉiuj estas nacilingvaj? Per siaj ĝisnunaj atingaĵoj povas la tuta E-movado nur pretendi egalrajtecon kun la nacilingvaj valoroj, sed tute ne povas anstataŭi ilin. Kio okazos en fora eterneco, tio estos alia afero. Oni povas iomete prepari la konsciencojn ... sed ne altrudi al ili pensi kiel en la estonta jarmilo. Mem la vorto»SAT-ano» por multaj malagrablas, ĉar ĝi homonimas en pluraj lingvoj - ankaŭ en Esperanto - kun la «diablo». Ankaŭ la epiteto «Tutmonda» spegulas iaman revitan celon, sed ne objektivan realaĵon (same kiel «Universala» ankaŭ ne - kvazaŭ temas pri ĉiuj teranoj kaj eksterteranoj). Miaopinie, taŭga nomo por SAT estus, ekzemple, «Sennaciisma Asocio Esperantlingva» aŭ simple «Internacia Asocio Esperantlingva» (ne «Esperantista» ĉar por niaj celoj povas agadi ĉiuj esperantoparolantoj, ne nur esperantistoj en tradicia senco).

I.F. Bociort

NDLR : espereble venos aliaj opinioj pri la sama temo. Tamen, ŝajnas ke al nia samideano la veraj celoj de SAT ne estas tre klaraj.

# AL KIO UTILAS S.A.T.?

## Kelkaj pensoj de SAT-ano

Mi legas kun atento la debatojn en Sennaciulo. Ofte revenas la temo pri la rilatoj inter SAT kaj UEA, inter ni kaj la «neŭtraluloj». Tro ofte revenas temoj pri la rilatoj inter ni, tio estas inter la pluraj SAT-frakcioj kaj -eroj. Tro malofte la temo estas pri la senco de SAT mem en la nuna mondo.

Mi estas relative periferia SAT-ano, sed eble ĝuste pro tio mi kutimas rigardi al la tuta arbaro de malproksimo. El tiu perspektivo SAT ŝajnas al mi kaptita de sia historio.

La debatoj inter anarĥiistoj kaj komunistoj havis sencon, kaj tre doloran sencon, en la tridekaj jaroj de la pasinta, aŭ pasanta, jarcento. La debatoj pri Soveta Unio havis sencon, kiam Soveta Unio ekzistis.

Nun la temoj, kiuj estas ĝenerale indikeblaj kiel «maldekstraj», estas aliaj. Temas pri ribelo kontraŭ la multnaciaj entreprenoj kaj ilia grandiĝanta povo, temas pri ekologiaj temoj, temas pri la ekspluatado de la sudo de la mondo fare de la nordo.

Miaopinie SAT havas ankoraŭ sencon kaj ĝi eĉ havas grandan sencon, se ĝi sukcesas meti sin je la gvida pozicio de ĉi tiuj movadoj, de la esperantistoj, kiuj volas partopreni en ĉi tiuj movadoj kaj aktive gvidi ilin.

Mi konsentas ke SAT estas ĉefe movado per kaj ne movado por Esperanto. Sed pero kaj poro je difinita nivelo renkontiĝas kaj estas la sama afero. Se SAT, ekzemple, sukcesus lanĉi tutmondan kampanjon por «tutmondiĝo kun homa vizaĝo», aŭ almenaŭ partopreni en tiu formiĝanta movado, SAT certe uzos Esperanton por io eksterlingva, sed samtempe ĝi montros al la progresema mondo ke Esperanto ekzistas kaj progresemas. Se SAT aliĝus al la tutmondaj movadoj kontraŭ la mortpuno, kontraŭ militoj, por nuligo de ŝuldoj, ktp. SAT reakiros la rajton fieri pri si mem.

Ĉu SAT, forta pro sia enkonstruita sennaciismo, ne lanĉu kampanjon kontraŭ la misfaroj de naciismo, ĉie en la mondo?

Ĉu SAT ne devus klopodi kolekti la kelkajn ankoraŭ ekzistantajn pacistojn kaj doni al ili agad-kadron, antaŭ ol ili komplete malaperos?

Ĉu SAT ne devus klopodi starigi rilatojn kun la verduloj-esperantistoj kaj aktive stimuli ilin kaj lasi sin esti stimulata?

Tia SAT havus grandan sencon por si mem, por la ĝenerala progresema movado kaj finfine por Esperanto.

Fine mi volas aludi pri alia problemeto: la neŭtraluloj kaj la malneŭtraluloj. Mi tute ne vidas problemojn. La mondo estas tiom granda ke estas spaco ne nur por unu sed por cent SAT-oj kaj cent UEA-oj sen risko je kolizioj.

La periodo de «organiza egoismo» (mi ŝtelas viajn membrojn kaj klopodas eviti ke vi ŝtelu miajn membrojn) estu definitive for.

Ĉiu serĉu siajn membrojn inter la neesperantistoj.

El la vidpunkto de UEA mi povas nur diri ke la plej granda bonŝanco, kiu povus trafi UEA, estus situacio en kiu SAT estus 100.000-membra, havus palaceton en la centro de Parizo kiel sidejon kaj amajn rilatojn kun UN kaj Unesko aŭ kun kiu ajn vi volas. En tiu situacio certe UEA povus havi kelkajn bonajn sekvojn pro la multeco de la esperantistoj. Ĝi almenaŭ vendus pli da libroj. La samo, kompreneble, validas por SAT.

Pardonu mian periferiecon kaj mian malmultan, eĉ nulan, agadon en SAT, sed kiam vi lanĉos la kampanjon por «tutmondiĝo kun homa vizaĝo», ni renkontiĝos sur la barikadoj.

Renato Corsetti
SAT-ano provizore pruntedonita al UEA

# FINANCA RAPORTO 1999

*Bedaŭrinde, mi ne povas anonci ke nia financa situacio pliboniĝis. Por tion fari, necesus ke ni havu pli da membroj. Tiel la elspezoj povus dispartiĝi inter pli da personoj. Pri helpo, ni devas multe danki la donacantojn kaj pruntedonantojn, kiuj malavare helpas la asocion kaj kiuj transformis parton de sia prunto en donacon. Plie, profitoj de vendoj ĝenerale helpas, sed la eldonitaj libroj ne vendiĝas. Ankaŭ la ĉefaj klientoj estas libroservoj al kiuj ni konsentas gravan rabaton. PIV, kiu estas pli fruktodona, malpli vendiĝas pro anonco de la nova. Pri la kotizoj: la valoro de certaj devizoj ne sufiĉas por pagi eĉ la sendokostojn. El 930 anoj, 28 % estas en la landoj kun nealtvalora valuto. Por kovri la diferencon ni devus peti de restantaj 72 % la kotizon pli altan ol 82 € (tio ne estas ebla). Pro la libroj kiuj ne plu vendiĝas mi iom reĝustigis la valoron de la librostoko. Tio plialtigas la malprofiton.*

T. SABATIER

## ASOCIAJ SPEZOKONTO POR LA JARO 1999 (en FRF) - PARIZO

| KOSTOJ | 1999 | 1998 |
|---|---|---|
| Aĉeto de varo | 15452 | 18575 |
| Variado de la stoko | 17805 | 17103 |
| Aliaj aĉetoj kaj servoj | 20171 | 15814 |
| Preso-kostoj | 55000 | 73700 |
| Sendokostoj de la revuoj | 32106 | 33787 |
| Aliaj afrankaj elspezoj | 14502 * | 8285 |
| Sidejaj domŝarĝoj | 9588 ** | 5818 |
| Telekomunikiloj | 10274 | 9034 |
| Elektro | 4853 | 4554 |
| Vojaĝkosdtoj delegitoj + honorarioj | 3993 | 14976 |
| Asekuro | 1568 | 1539 |
| Impostoj kaj taksoj | 249 | 246 |
| Salajro - malneta | 167747 | 162181 |
| Sociaj ŝarĝoj | 82840 | 80435 |
| Amortizo | 11178 *** | 9470 |
| Subvencioj | 2343 | 5487 |
| Financaĵoj | 968 | 910 |
| Diversaĵoj | 2333 | 9120 |
| **Entute** | **452970** | **471034** |

*el kiuj 5300 = sendo adresaro
** pro domoriparego
*** pro nova materialo 98-99

| RIMEDOJ | 1999 | 1998 |
|---|---|---|
| Vendo de varo | 61663 | 71307 |
| Kotizoj, donacoj | 339624 | 354090 |
| Interezoj | 4061 | 5540 |
| Diversaĵoj | | |
| Repreno provizo | 15961 | |
| Rezultato (perdo) | 31661 | 40097 |
| **Entute** | **452970** | **471034** |

**RAPORTO DE LA REVIZOROJ**

Post la kontroloj kiujn ni faris super la spezoj en Parizo, koncerne la jaron 1999, ni deklaras, ke la kontoj estas en bona ordo. Al ni estis komunikitaj la dokumentoj pruvantaj la realecon kaj ĝustan aplikon de ĉiuj spezoj.

R. MEURANT C. BILLARD

## BILANCO JE LA 31.12.1999 (en FRF) - PARIZO

| Kontojaro – AKTIVO | 1999 | 1998 |
|---|---|---|
| Asocia sidejo | 55345 | 55345 |
| Meblaro, teknika materialo (malnete 143662 minus amortizo 105435 | 38227 | 44384 |
| Garantiaĵo | 1000 | 1000 |
| **Sume (I)** | **94572** | **100729** |
| Librostoko | 148523 | 166328 |
| Debitoraj libroservoj | 21291 | 39927 |
| Ricevotaj kotizoj | 61747 | 67668 |
| Ricevotaj taksoj | 6448 | - |
| Aliaj debitoroj | 6357 | 13634 |
| Rezervo | 121526 | 121526 |
| Disponebla mono | 305574 | 253459 |
| Ŝarĝoj | 7000 | 5000 |
| **Sume (II)** | **678466** | **667542** |
| **Entute (I+II)** | **773038** | **768271** |

| PASIVO | 1999 | 1998 |
|---|---|---|
| Asocia kapitalo | 164067 | 204163 |
| Kontojara rezulto | -31661 | -40097 |
| **Sume (I)** | **132406** | **164066** |
| Deponoj de fakoj k.membroj | 627287 | 541943 |
| Pagotaj fakturoj k. asociaĵoj | 8149 | 13388 |
| Kongresdepono | 5196 | 48874 |
| **Sume (II)** | **640632** | **604205** |
| **Entute (I+II)** | **773038** | **768271** |